# INTERNACIA ĴURNALISTO



JARO IV. SOFIA — BULGARIO
OKTOBRO–DECEMBRO 1960, № 4

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

## LA DUA INTERNACIA ĴURNALISTA RENKONTO



**S-ro Alois Hilkersberger**
unu el la reprezentantoj de TEĴA, kiu paroladis antaŭ la renkonto

En la aŭstria urbeto Baden, proksime de la ĉefurbo Vieno, okazis la Dua internacia ĵurnalista renkonto. Partoprenis ĝin 279 ĵurnalistoj el 62 landoj. Konsiderante la nombron de la ĉeestantoj kaj la problemojn, kiujn oni pridiskutis, ni povas diri, ke la renkonto estis tre grava.

La renkonto estis malfermita de la prezidanto per konvena salutparolado. Post li la urbestro de Baden elkore salutis la partoprenintojn. Menciante la gravan rolon de la ĵurnalismo en la hodiaŭa tempo, li bondeziris plenan sekceson al la renkonto.

Oni tralegis saluttelegramon de la Prezidanto de la aŭstria Parlamento s-ro D-ro Figl. Reprezentanto de la aŭstria registaro tralegis salutleteron. Kun atento la delegitoj aŭskultis la salutparoladon kaj la proponon, kiujn mi faris en la nomo de T. E. Ĵ. A.

Post tio komencis la tritagaj laborkunsidoj. Oni pridiskutis la jenajn problemojn: kiel faciligi la laboron de la ĵurnalistoj, plenumantaj siajn profesiajn taskojn (vizoj, konferencoj-seminarioj pri profesiaj problemoj, ŝanĝo de profesia sperto; pri la kunlaborado de ĵurnalistaj organizaĵoj, analizo de la taskoj, akceptitaj en la Unua renkonto en Helsinki; la problemoj de la preso kaj la radio en la postrestiĝintaj landoj kaj kiamaniere helpi al ili; pri la ĵurnalista etiko; la rolo de la ĵurnalista etiko; la rolo de la ĵurnalistoj en la informado de la publiko; la disvolviĝo de la internaciaj rilatoj, konforme la Statuton de UNO; pri la etika kodekso de la ĵurnalistoj; pri la libero de la preso kaj profesia sekreto kaj aliaj.

Kun streĉo kaj intereso la partoprenintoj aŭskultis la pritraktitajn demandojn. Ofte la eldiroj estis flamaj. Precipe flame parolis la reprezentantoj de la afrikaj kaj aziaj landoj. Ili montris la malfavorajn kondiĉojn, en kiuj ili plenumas siajn profesiajn taskojn, la oftajn persekutojn kaj suferojn, kiujn ili renkontas en sia laboro, kiam ili dezizas skribi pri la vero, pri la subpremo super la nigra raso. Tiajn faktojn oni montris ankaŭ pri aliaj landoj.

Ĉiuj delegitoj konvinke konstatis, ke nur la bona volo povas venki finfine, ke la ĵurnalistoj devas konscie helpi siajn kolegojn, ke ili devas batali por la vero, por la senarmiĝo kaj la triumfo de la monda paco.

La Dua renkonto akceptis decidojn pri pliboniĝo de la interĵurnalista kunlaborado.

Alois Hilkersberger
Landeck, Tirol, Aŭstrio

## PAROLADO

**Prononcita de la delegito de T. E. Ĵ. A. s-no Alois Hilkersberger antaŭ la Dua internacia renkonto de ĵurnalistoj en Baden, apud Vieno, Aŭstrio**

*Tre estimata prezidanto de la Dua internacia ĵurnalista renkonto!*

*Tre estimataj gepartoprenantoj!*

*Permesu al mi en la nomo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio saluti la Duan renkonton de la ĵurnalistoj el la tuta mondo kaj bondeziri al vi fruktodonan laboron. Samtempe, permesu al mi prezenti al vi la celojn de nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj mian opinion pri la ĵurnalismo ĝenerale.*

*En nia Asocio membras ĵurnalistoj-esperantistoj el ĉiuj partoj de la mondo, unuiĝintaj siajn fortojn ne nur por propagandi Esperanton, sed plej gravehelpi al siaj membroj organizi sian ĵurnalistan kunlaboradon pere de la internacia lingvo Esperanto Ni havas jam bonajn rezultojn tiurilate. Samtempe, niaj membroj plifirmigas sian solidarecon, interŝanĝas sian sperton profesian, kunhelpas sin en sia internacia profesia laboro.*

*La ĵurnalistoj batalas per la plumo kaj la vorto. Signifoplenaj estas la paroloj de la germana verkisto N. Ehlert, kiu antaŭ 28 jaroj skribis: „Fratoj, aŭdu la vorton! Ĉu ĝi devas resti nur vana vorto? Ĉu ĝi ne alportu fruktojn nun kaj estonte?“*

*Jes, ni scias, ke la parolita aŭ skribita vorto provokas pensojn en la aŭdantoj kaj legantoj. La pensoj elradias pozitivan aŭ negetivan energion. Ĉio dependas de la vorto— ĉu ĝi parolas pri la vero aŭ ĉu ĝi ne mensogas, ne erarigas. Certe, malfacile estas al la profesiaj ĵurnalistoj skribi pozitive, ĉar la posedantoj de la gazetoj iam povus postuli de ili skribi negative, erarigi la homojn. Tamen la ĵurnalistoj devas skribi objektive, tiamaniere, ke la homoj bone komprenu la veron.*

*Se ĉiu ĵurnalisto agus tiel, li ne nur estus nura vokanto, sed estus vera batalanto de la tutmonda paco.*

*Grava rimedo por efektivigi tiun ĉi sian mision ni — esperantistoj — ĵurnalistoj — en nia ĵurnalista laboro ni vidas en la aplikado de la internacia lingvo Esperanto. Per la helpo de tiu facila lingvo ĉiuj pordoj por interkontakto de homoj de ĉiuj klasoj, nacioj kaj rasoj estas ĉiam malfermitaj. Dum mia vojaĝo al Moskvo ĉi somere, mi havis la eblecon persone interkontakti kun soveta ĵurnalisto-esperantisto. Plezure mi konstatis, ke ankaŭ li samopinias pri tio.*

*Tial, mi petas la Estraron de la nuna internacia ĵurnalista renkonto prikonsideri la eblecon pri la enkonduko de Esperanto en la vivon kaj kunlaboradon inter la ĵurnalistaj organizaĵoj, inter la ĵurnalistoj de ĉiuj landoj.*

---

## RIPOZU EN VIA ĴURNALISTA DOMO

La plej bonajn kondiĉojn por pasigi vian ferion en unuagrada kurorta loko kaj en kolegia medio disponigas al vi la Internacia Domo de la ĵurnalistoj en Bulgario. La domo situas ĉe la marbordo de Nigra Maro en la mondfama somerumejo la Oraj Strandoj apud urbo Varna.

En la Domo rajtas ripozi ĉiu profesia ĵurnalisto kun sia familio. En la Domo, funkcianta nur du jarojn, jam ripozis pli ol 2000 ĵurnalistoj kun siaj familianoj el dekoj da landoj.

Dum 1961 jaro la Internacia domo de la ĵurnalistoj akceptos gastojn ek de la 5-a de majo ĝis la 31 de oktobro. **1-a periodo:** 5—24 majo; **2-a periodo:** 25 majo — 13 junio; **3-a periodo:** 14 junio — 3 julio; **4-a periodo:** 4—23 julio; **5-a periodo:** 24 julio — 12 aŭgusto; **6-a periodo:** 13 aŭgusto — 1 septembro; **7-a periodo:** 2—31 septembro; **8-a periodo:** 22 septembro — 11 oktobro; **9-a periodo:** 12—31 oktobro.

Detalajn informojn petu de la Direkcio de la Domo. Adreso: Meĵdunaroden dom na ĵurnalistite, **Varna,** BULGARIO.

## BATALANTOJ POR UNU CELO, SED PER DIVERSAJ LINGVOJ

(Impresoj de la Dua ĵurnalista renkonto)

Beleta urbeto, mondfama restad-kaj banloko estas Baden. Dum la someraj tagoj ĝi estas ĉiam plen-plena je gastoj el diversaj landoj.

Ankaŭ dum oktobro ĉi jare tamen la urbeto plivigliĝis. Gastis al ĝiaj loĝantoj homoj el 62 landoj de la tuta mondo. Dum tiuj oktobraj tagoj tien ĉi venis 279 ĵurnalistoj por partopreni la Duan internacian ĵurnalistan renkonton.

Feliĉe, la renkonton partoprenis ankaŭ kvin delegitoj de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.

Prezidantara longa tablo. Laŭlonge metitaj ankaŭ aliaj longaj tabloj. Mikrofonoj, laŭdparoliloj. Kaj multaj kolegoj — el Aŭstrio, Germanio, Francio, Bulgario, Italio, Sovetunio, el Ĉinio, Venecuelo, Anglio, Japanio, Cejlono, Irako, Algerio, Tunizio ktp—el ĉiuj kvin kontinentoj de la terglobo, el 62 landoj.

Ili kunvenis kun la nobla celo pridiskuti siajn gravajn profesiajn problemojn, plifaciligi sian kunlaboradon ĵurnalistan. Unu celo kunvokis ilin en la pitoreska aŭstria urbeto. Por efektivigi tiun celon multaj el ili vojaĝis kelkajn tagojn, milojn da kilometrojn. Kaj bedaŭrinde. Unu celo venigis ilin en tiun salonegon, sed ili pritraktas la starigitajn gravajn problemojn en diversaj lingvoj. Ili ne komprenas persone unu la alian. Kial? Ĉar ĉiuj parolas en diversaj lingvoj.

Por faciligi la interkomprenon oni organizis grandegan tradukservan aparaton. Dekoj da tradukistoj, centoj da orelaŭskultiloj. Kaj la tradukistoj ne ĉiam trafe tradukas. . .

Tiel estis dum la laborkunsidoj. Kaj dum la paŭzoj kaj ripozoj! Dum la komunaj tag-kaj vespermanĝadoj, komunaj promenadoj, dum la balo?! Ho ve!... Ridindaj gestoj per manoj, okuloj, piedoj, plaĉindai faktoj. Jen, tie ĉi hungaro promenadas amike kun kubano, ili „interparolas" vigle, ne en sama lingvo, sed per ridindaj mansvingoj. Tie nigrulo trinkpas kafon kun blankulino, klarigas al ŝi ionmalfermante larĝe okulojn, eligante langon. Ŝi ridas plenvoĉe kaj. . . nenion komprenas.

Malmultaj estis la delegitoj, kiuj scipovis unu, du, aŭ tri aliajn lingvojn. Sed paroli amike kaj intime kun ĉiuj delegitoj ankaŭ por ili ne estis eble. Por interparoli kun ĉiuj estus necese koni dekojn da fremdaj lingvoj.

Kaj feliĉe, nur kvin homoj el tiu tumulto povis interparoli kaj kompreni libere sin. Tio estis la kvin esperantistoj-ĵurnalistoj-la samideanoj Hilkersberger, Hofert, Evstratieva, Levi kaj Esperov.

Mi parolas kun unu el la gvidantoj de la renkontiĝo. Li aŭskultas miajn konvinkojn pri la internacia lingvo Esperanto, pri nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj pri la atmosfero de la nuna malbona interkompreniĝo.

— Jes, — diras li — vi pravas. Ni aŭdis la interesan paroladon de la reprezentanto de via T. E. Ĵ. A. Ni komprenis, ke via afero estas ne nur utila, sed tre grava. Vi, esperantistoj-ĵurnalistoj estas feliĉaj. Se vi kolektiĝos el cent landoj, vi certe interkopreniĝos facile per Esperanto.

Fine la gvidanto instigas nin doni proponon por la rezolucio de la renkontiĝo. Kaj ni donis: la ĵurnalistaj organizaĵoj rekomendu al siaj membroj utiligi la internacian lingvon en sia profesia laboro paralele kun la aliaj naciaj lingvoj.

Se Esperanto estus akceptita en la ĵurnalistaj unuiĝoj, kiom da mono, energio, tempo, rimedoj estus ŝparitaj!. . .

Kaj tiam la batalantoj por unu celo povus sukcesplene interkompreniĝi en unu kaj sama lingvo.

Iv. Esp.

## PROF. GIORGIO CANUTO

La tutmondan esperantistaron trafis funebra sciigo: subite mortis la 29-an de oktobro pro koratako en Torino, Italio, profesoro doktoro Giorgio Canuto—prezidanto de Universala Esperanto Asocio, membro de la Akademio de Esperanto, longjara prezidanto de Itala Esperanto-Federacio, eminenta sciencisto pri jura medicino, universitata profesoro kaj rektoro.

# NI MEM KULPAS*

La populara soveta verkisto N. Gribaĉov, kiu tre multe vojaĝas ĉirkaŭ la terglobo, priskribante en unu el siaj artikoloj „La Nova Distanco" la renkontojn kun diversnaciaj verkistoj kaj la lingvobarojn, kiuj malhelpis al la senperaj kontaktoj, rimarkis:

„La homaro ankoraŭ ne posedas internacian lingvon. Esperanto ne pravigis la esperojn de la homaro."

Mi sendis al Gribaĉov leteron, en kiu mi penis pruvi al li, ke li eraras en siaj konkludoj kaj ke Esperanto perfekte plenumas sian rolon. Oni povas nur bedaŭri, ke li ne konas Esperanton kaj la esperantistan movadon kaj tial li faras tian nepravigitan deklaron.

Kaj jen kion Gribaĉov respondis.

„Al mi tre plaĉas la entusiazmon kun kiu vi defendas Esperanton. Miaopinie, homoj celdirektitaj, enamiĝintaj en la ideon, estu ĉian estimindaj. Mi devas konfesi, ke mi tute ne intencis esprimi ian malŝaton al tiu universala lingvo aŭ deklari, ke ĝi estas senutila.

Ne, ĉiu humana aspiro donas siajn fruktojn. Sed samtempe oni ne povas ignori la faktojn. Kaj la faktoj estas multe malpli esperigaj, ol oni atendis de Esperanto ĉe ĝia apero.

Mi troviĝas en la societo de verkistoj kaj ĵurnalistoj. **Ĉiu** el iliaj membroj scipovas aŭ nur la rusan aŭ ankoraŭ unu lingvon, sed **neniu** scipovas Esperanton. Mi vizitis Amerikon, Aŭstralion, Svislandon, Svedion, Germanion kaj aliajn landojn kaj neniam mi renkontis eĉ unu homon, parolantan Esperanton.

Tio estas la fakto, kaj la ĵurnalisto devas konsideri ĝin. Kion fari? Tia estas nia profesio. Povas esti, ke kiam la landoj fariĝos pli proksimaj unu al alia, Esperanto ankaŭ ludos sian rolon. Mi tion ne scias. Sed nun ĉiuj kulturaj, ĵurnalistaj, diplomataj kontaktoj estas realigataj en aliaj lingvoj."

Tiu letero estas pripensinda.

Certe, se Gribaĉov scius Esperanton, li estus trovinta esperantistojn en la menciitaj de li landoj. Sed temas ne pri tio. Temas pri la granda, mi dirus, fundamenta difekto en nia propaganda laboro: pri la hontemo sin montri kiel esperantisto, aktive labori ĝuste en siaj profesiaj rondoj, propagandi Esperanton ne per teoriaj raportoj, sed per ĝia apliko ne nur en internaciaj renkontoj, sed ankaŭ en la ĉiutaga vivo, aŭdigi Esperanton en la profesiaj kunvenoj, rakonti pri la avantaĝoj, kiujn havas la esperantistoj en sia laboro dum personaj kontaktoj. Kiel povis okazi, ke soveta verkisto kaj ĵurnalisto, Moskvano, estas sincere konvinkita, ke neniu el liaj kolegoj scias Esperanton, dum la esperantistaro konas la Moskvan verkiston kaj malnovan esperantiston Sergeev, la poeton kaj ĵurnaliston Gusev, Danovskij, Sovostjanov kaj multajn aliajn, kiuj eĉ estas membroj de la Internacio Ĵurnalista Asocio? (Rim. de la redakcia: la poeto Sergeev vizitis Bulgarion ĉisomere kaj renkontiĝis tuj kun ĵurnalistoj — esperantistoj, kun la redaktoro de „Jnt. ĵ-sto" k. a.)

Kial tia hontemo rilate Esperanton? Ĉu ĝin ne klarigas ia timo komprometi sin ĉe la kondiĉoj, kiam Esperanto estas konsiderata kiel nereala fantazio, kaj la esperantistoj kiel idealistaj stranguloj? Kaj ĉu ni mem ne estas kulpaj pri la ekzistado de simila opinio?

Certe, se la rilato al Esperanto fariĝus pli favora, inter ni troviĝos multe da elokventaj propagandistoj, kiuj fiere demonstracius sian esperantistecon, sed estas ni, de kiuj dependas, ke pri Esperanto ne ekzistu falsa opinio, ke ĝi uzu la aŭtoritaton, kiun ĝi indas.

Tiam estintaj esperantistoj, kiel ekz. la verkisto L. Ŝejnin, ne skribus pri la entuziasma studado de Esperanto fare de komunularo en la unuaj jaroj de la revolucio kiel pri unu el la multaj ĉarmaj, sed ridindaj idealismaj strangaĵoj.

Neniu povas nei la gravecon de la esperantistaj tendaroj, ripozejoj, restadejoj. Sed multe pli grava ŝajnas al mi la praktika propagando de Esperanto en neespetantistaj rondoj.

Kun granda intereso mi legis en „Nuntempa Bulgario" la artikolon de Stamenova pri la Internacia domo de Ĵurnalistoj en Varna, konstruita per la penoj de la ĵurnalistoj de multaj landoj.

„Kiel bone", — pensis mi, — „ke tiu internacia Domo estas konstruita en Bulgario, tiu citadelo de la esperantismo. Tie la tutmondaj ĵurnalistoj havos eblecon likvidi multajn siajn antaŭjuĝojn rilate Esperanton."

---

* Red. rim: la supran artikolon ni represas el la revuo; „Nuntempa Bulgario", n-ro 12, 1960 j., ĉar ĝi koncernas ankaŭ nin — ĵurnalistoj — esperantistoj.

Sed, bedaŭrinde, nek en tiu artikolo, nek ĝenerale en la revuo mi trovis eĉ unu vorton kiel en tiu Domo estas solvata la lingva problemo, kia estas la rolo de la esperantistoj-ĵurnalistoj, almenaŭ de la bulgaraj ĵurnalistoj. Mi ne dubas, ke tia laboro estas farata, sed kial ne informi pri ĝi?

Se ĉiu esperantisto, precipe esperantistoj—ĵurnalistoj, agus kun la sama kuraĝo, aŭtoritato kaj kompetento, kiel Ivo Lapenna, Esperanto jam estus delonge ĝuinta la meritan aŭtoritaton.

**Ida Lisiĉnik**, Kutaisi, USSR

## OKAZIS LA DUA UNIVERSALA ĴURNALISTA RENKONTO

De la 10-a ĝis la 22-a oktobro 1960 jaro en Baden, apud Vieno, okazis la Dua universala ĵurnalista renkonto, organizita de la Internacia Komitato por kunlaborado inter la ĵurnalistoj. La renkonton partoprenis ĉirkaŭ 279 ĵurnalistoj el 62 landoj: el Eŭropo 118 personoj, el Azio — 67, el Ameriko — 59, el Afriko — 15, el Aŭstralio — 1. Ĝi estiĝis vera manifestacio de la internacia solidareco de la ĵurnalistoj.

En la konferenco oni pridiskutis la problemon pri la kondiĉoj de la ĵurnalista laboro diverslande, pri la internacia kunlaboro de ĵurnalistaj organizaĵoj kaj unuopaj ĵurnalistoj, pri la helpo al la gazetaro kaj la radio en la ekonomie postrestintaj landoj.

La laboro de la renkonto pasis en plenkunsidoj kaj en diversbranĉaj komisionoj. En la plenkunsidoj okazis ĝeneralaj pridiskutoj. Partoprenis la pridiskutojn ĵurnalistoj preskaŭ el ĉiuj reprezentitaj landoj. En la unua komisiono oni pridiskutis la broblemon pri la plifortigo de la rolo de la ĵurnalista profesio: vizoj, kunlaboro mondskale inter la ĵurnalistoj, profesia edukado k. a. La problemo pri la helpo al la gazetaro kaj la radio en la ekonomie postrestintaj landoj altiris la atenton de la dua komisiono. La tria komisiono preparis rezolucion pri la etiko kaj la moralo de la ĵurnalisto.

La Dua internacia ĵurnalista renkonto estas grava sukceso sur la kampo de la internacia ĵurnalista kunlaboro. Tiu forumo internacia esprimis la volon de la ĵurnalistoj diversrasaj kaj diversnaciaj labori por la paco kaj paca kunvivo de la homaro. Oni prenis decidon okazigi estonte Trian universalan ĵurnalistan renkonton por plifirmigi la starigitajn internanciajn kontaktojn inter la ĵurnalistoj. Ĉiu ĵurnalista organizaĵo aŭ unuopa ĵurnalisto povas kontribui al la Internacia Komitato por kunlaboro.

## LIBROJ KAJ GAZETOJ ELDONITAJ EN LA MONDO

Laŭ la lastaj statistikoj, publikigitaj de UNESKO, la jara eldonkvanto de libroj kaj aliaj neperiodaj gazetoj en 1957 estas proksimume 315,000 ekzempleroj, el kiuj 45% en Eŭropo kaj 25% en Asio. 20% el la ĝenerala nombro da libroj estas eldonitaj en Sovetunio. La ceteraj pli grandaj eldonistoj estas Japanio (25,000 ekzempleroj), Anglio (20,000), Ĥindio (18,000), GFR (16,000), Usono (13,000) kaj Francio (12,000).

Ĉijare estas tradukataj proksimume 25,000 libroj, el kiuj 4,000 en Sovetunio. Aliaj landoj, kiuj faris pli ol 1 000 tradukojn en 1956 estas la jenaj: GDR, Pollando, Italio, GFR, Ĉenoslovakio, Japanio, Holando, Rumanio kaj Hispanio.

La originalo de pli ol duono de la tradukitaj libroj en 1956 estis rusa aŭ angla, pli ol 20% franca aŭ germana. La plej multe tradukitaj aŭtoroj estis Lenin (331 fojoj), Jules Vern (143), Tolstoj (143), Gorkij (107), Spilan (104), Shakespeare (89), Ŝoloĥov (84), Marks (84), Ĝek London (77).

La nombro de la eldonitaj ĵurnaloj en la mondo superas la ciferon 35,000, el kiuj 8,000 tagĵurnaloj. La lastaj estas 5,000 matenaj kaj 3,000 vesperaj ĵurnaloj. La kvanto de la venditaj ekzempleroj estas proksimume 250 milionoj aŭ 91 ekzempleroj je 1000 homoj.

# Ricevitaj esperantaĵoj

**La geedzoj A Fu** — kun aliaj rakontoj pri la Taj-nacimalplimulto de la vjetnama verkisto To Hoaj. Premiita de la Asocio de vjetnamai verkistoj kaj artistoj por 1954—1955 j. Tradukitta kaj aranĝita de Ngujem Minh Kinh. Elond de Fremdlingva Eldonejo, Hanoj, Vjetnamio, paĝoj 192. Mendebla ĉe: So xuat nhap khau sach bao (Oficejo por eksporto kaj importo de libroj kaj gazetoj), 32 Hai ba trung, Hanoj, Vjetnamio. Sen prezo.

**Adresaro** — de Firmoj kiuj uzas Esperanton en la internaciaj rilatoj—Komerco—Industrio—Turismo. Eldonis la fondita Centro por Esperanto en la komerco, industrio kaj turismo (C. E. K. I. T.), Piazza Oberdan, 1, Milano, Italio. Entenas adresojn de firmoj, fakoj kaj varoj por preskaŭ ĉiuj landoj. Prezo — it. liroj 200.

**Esperanto-leteroj el Karintio**, n-ro 9, 1961 j. Stencilita 16-paĝa bulteno. Eldonas Aŭstria Esperanto Federacio, landgrupo Karintio, Klagenfurt 1, Fach 205, Aŭstrio. Entenas raporton pri la Karintia Foiro.

**Pluk** — versaĵoj-miniaturoj de la fama Esperanto-poeto Poul Thorsen. Eldono de Dana Laborista Esperanto Asocio, Arhus, 1960. Bela 96-paĝa poemaro. Prezo ĝis 1. II. 961 — 3,50 kr. Liveras: Libro-Servo de D. L. E. A., Arhus, Danlando.

**Vivu leninismo** — 104-paĝa teoria kaj scienca libro, entenanta la artikolojn „Vivu Leninismo" de la redakcio de gazeto „Hongki"; „Antaŭen laŭ la vojo de la granda Lenin" de la redakcio de ĵurnalo „Ĵenmin Ĵibaŭ" kaj „Unuiĝu sub la revolucia standardo de V. I. Lenin!" de Lu Dingji. Eldono de Ĉina Esperanto-Ligo, Pekin, 1960.

**Vienne en Delfinio** — faldfolio pri la interesa antikva Vienne, situanta 27 km. de Lion, Isere, Francio.

**Ludovic Lazarus Zamenhof** — inventor of Esperanto. 8-paĝa broŝuro en angla lingvo kun multaj pentraĵoj el la vivo de Zamenhof.

**Alvoko** al la sudkorea popolo de la Centra Komitato de Korea labora partio; **Deklaracio** de la interliga kunsido de gvidantoj de partioj kaj sociorganizaĵoj; **Alvoko** — al la tutmondaj pacamaj popoloj — 12-paĝa grandformata broŝuro. Eldono de Korea Paco, 1960.

**Elektitaj Versaĵoj** de Nikola Vapcarov. 72-paĝa verskolekto de la fama bulgara poeto, pereinta dum la faŝismo, antaŭparolo de Hr. Radevski, redaktoro — At. Lakov. Eldonis Fremdlingva Eldonejo, Sofia, 1961. Nova sukceso de la bulgaraj esperantistoj. Mendebla ĉe Bulgara Esper.-Asocio, bulv. Dondukov № 57, Sofia, Bulgario.

**Voĉo el Indonezio** — oficiala organo de Indonezia Esperanto-Asocio, n-ro unua, nova Esperanto-presbatalanto, Ĉefredaktoro Ch. Sj. Toemenggoeng — membro de TEĴA, 18-paĝa. Adreso de la redaktorino: Pintu Besi 39, Djakarta, Indonezio.

**Salzburg** — boneilustrita 16-paĝa broŝureto-prospekto pri la bela aŭstria urbo Salzburg.

**Vizitu Skandinavujon** — ilustrita faldfolio pri la skandinavajn landoj Danlando, Norvegio, Svedlando kaj Finnlando.

## EKZAMENPLEDO EN ESPERANTO

Ĉe la Radio-teknika Fakultato de la Ŝtata Lvova Politeknika Instituto dum la ekzamenpledo de la diplomprojekto de Vasil Novickij, la membroj de la Komisiono docento Zamora kaj profesoro Veliĉko proponis al V. Novickij fari parolan resumon de la projekto en Esperanto. S-ano Novickij plenumis la proponitan taskon, kio estis enskribita en la protokolon kun juĝnoto „perfekte".

Estas rimarkinda fakto, ke je la proponoj fari resumon en iu fremda lingvo, la diplomantoj ordinare rifuzas tion pro nesufiĉa kono de la fremda lingvo malgraŭ ties multjara studado. S-ano Novickij pasintjare finis 20-lecionan kurson de Esperanto por komencantoj.

**A. Koĥ**, Lvov

## Unua perfektiga kurso por la afrikaj ĵurnalistoj

Proksimume 15 ĵurnalistoj el Afriko partoprenas la unuan perfektigan kurson, kiu estis inaŭgurita la 30-an de januaro 1961 en Dakar. Tiu ĉi kurso, organizita de la registaro de Senegalo, kun la helpo de UNESKO, daŭras kvar monatojn. Disdonitaj estis stipendioj al la afrikanoj, parolantaj francan lingvon, por stimuli la internacian interkomprenigon en la junaj landoj, plialtigante la nivelon de la ĵurnalismo. Reveninte en siajn landojn, la partoprenintoj en la kurso okazigos konferencojn pri la ĵurnalismo por transdoni la akiritan scipovon al siaj kolegoj (UNESKO).

## NI PORTU LA INSIGNON ESPERANTISTAN

Ĉu ni estas bonaj esperantistoj? Ĉu ni portas konstante sur niaj brustoj la verdstelan esperantistan insignon? Bedaurinde, ne ĉiam.

Fremdlandaj esperantistoj malofte gastas al nia urbo. Pro tio mi neregule portas la verdan steleton. Iun tagon tamen nian redakcion vizitis ĵurnalista delegacio fremdlanda por konatiĝi kun nia redakcia laboro.

En la redakcio, laŭ finna kutimo, oni trinkas kafon. Ĉirkaŭ la tablo sidas kune kelkaj niaj redaktoroj kaj la gastoj.

— La redaktoro NN vizitis pasintan someron vian landon — diris unu el niaj redaktoroj al la gastoj — pollendanoj, montrante min per fingro.

Oni parolas nur la rusan lingvon, kiun nur unu nia redaktoro kaj unu el la polaj gastoj komprenas.

— Kie en Pollando li estis? — demandis la polo-tradukanto.

— Li estas esperantisto kaj partoprenis esperantistan kongreson en Varsovio-klarigis mia kolego.

La gvidanto de la pola delegacio rigardas kun mirigitaj okuloj al mi.

— Sed tiam vi parolas Esperanton, kiel mi? — turnis sin al mi la gasto — esperantisto.

— Jes, — mi respondis — sed mi ne komprenis, ke vi estas esperantisto, ĉar vi ne portas la insignon sur la brusto.

— Nek ankaŭ vi — riproĉis min la polo, ridetante.

Ni ambaŭ ne uzis la verdan stelon.

Tiel ni — ĵurnalistoj - esperantistoj tute hazarde renkontiĝis. Ni ambaŭ partoprenis la Varsovian Esperanto-kongreson pasintjare. Kaj ni povis nun paroli libere en nia kara lingvo, pri multaj aferoj babili.

Jen kial la pola kolego-esperantisto ne povis tuj kontaktiĝi kun mi. Jen kial la gastoj, vizitantaj aliajn landojn ne kontaktiĝas tuj kun siaj kolegoj-esperantistoj, ĉar ili ne portas la insignon.

Se mia kolego finnlandano ne estus tute hazarde dirinta pri mia vojaĝo al la Pollanda kongreso, ni — ambaŭ samideanoj, estus sidintaj ĉe la sama tablo, sciante nenion pri nia esperantisteco.

Nun mi portas la verdan stelon sur mia brusto konstante!

N. Kavenius, Finnlando

## LA NORVEGA RADIO INTERVJUAS LA PREZIDANTON

La prezidanto de TEĴA, Olav Thormodsen estis antaŭnelonge intervjuita de la norvega radio pri la 50-jara jubileo de Norvega Esperantista Ligo, pri la Universala Esperanto-Asocio, la Zamenhofa jaro, la universalaj kongresoj kaj ankaŭ pri TEĴA.

Nia prezidanto rakontis pri la Esperanto-movado ĝenerale kaj pri la fakaj asocioj kaj ilia laboro sur la diversaj kampoj fakaj.

Pri la faka asocio de la Esperanton parolantaj ĵurnalistoj li i. a. menciis la interŝanĝan servon (artikoloj, fotoj ktp.) kaj ŝanĝferiojn, kiuj ebligas pli malmultekostajn kaj rezultodonajn vojaĝojn eksterlande. La prezidanto ankaŭ informis pri la granda vojaĝemo de la esperantista popolo kaj ke per Espernanto oni povas facile kaj en interesa maniero vojaĝadi.

La intervjuo estis private surbendigita por pli posta uzo en la Esperanto-kluboj en okcidenta Norvegio.

## Prelego de la Sekretario

La sekretario-kasisto de TEĴA s-ro D-ro Dino Fabris dum la ĉi jara Itala Esperanto-Kongreso faris interesan prelegon je temo „Esperanto kaj la gazetaro“, menciante pri Tutmonda Esp. Ĵurn. Asocio kaj pri ĝiaj celoj.

## Prelego de nia komitatano

— La komitatano de TEĴA en Moskva, USSR, N. F. Danovskij, de la Granda Soveta Enciklopedio, prelegis pri la vivo kaj laboro de L. L. Zamenhof dum vesperkunveno, dediĉita al la aŭtoro de Esperanto. La solenaĵo estis organizita de la Esperanto-sekcio ĉe la Moskva Domo de Medicinistoj, konforme al la decido de UNESKO. Dum la vespero okazis ankaŭ du aliaj prelegoj kaj literatur-muzika koncerto.

## *ESTRARO DE T. E. Ĵ. A.*

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 132, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius, Niklaksenkatu 10/14, Turku 9, Finnlando.*

*Sekretario-kasisto — Prof. D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio.*

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario.*

*Membroj: Takaĉ Zeljko, Boŝkoviĉeva 24, Zagreb, Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Matejki 16/8, Wroclaw, Pollando.*

## *KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.*

*Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnaista fako, Pekina Universitato, Peking.*

*Danlando — G. N. Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg.*

*Rumanio — Stefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bucuresti.*

*Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Paseĉnaja 4 a, kv. 11, Moskva A-8 (nova adreso).*

*Vjetnamio—Dào-anh kha, Nô Quôctê-nou Bv Viet-nam, Hanoj (via USSR).*

*Izraelo —* Oskar *Berman, 6, Kikor MalchajIsrael, Tel Aviv (nova adreso).*

*Svedio — Karen Salmose, Stallgatan 1, Ystad.*

*Hindio — Suderio Butteno, Alaski Plots, Avola (Vidarbha).*

*Indonezio — Ch. Sj. Datoe Toemenggoeng, Pintu Besi 39, Dĵakarta*

*

— Membroj de TEĴA, por ke la Asocio povu regule kaj fruktodone funkcii kaj labori ni devas ĝin subteni finance. Teĵanoj, kiuj ankoraŭ ne pagis la membrokotizon por la pasinta kaj la kuranta jaro, bonvolu tuj pagi la membrokotizon al la Sekretario-kasisto aŭ al la redakcio de „Internacia ĵurnalisto".

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

N. L. Vasilevskij, str. Sovetskaja 33—21, **Lida**, USSR.

Jakov Vlasov, str. Fevralskaja 133 **Jadransk,** Kurskoj obl. USSR.

Huno Pavelsson, Tallin-16, Tähe str. 5—3, Estona SSR, USSR.

Preoteasa Dumitru, satul Albeŝti, Com. Simuic, Rn Craiova, Reg. Oltenia, RP Rumanio.

Enache Virgil, Ekaterina Teodoriu 49 Craiova, RP Rumanio.

Dimo Trudoljubov, str. Marin Drinov 7 „a", Jambol, Bulgario.

Suderio Buttenno, Alaski Plots, Avola (Vidarbha), Hindio.

Atanas St. Sejkov, str. Stadiona, blok F-1, vhod A, Plovdiv, Bulgario.

Nikola Strandĵanski, redakcio „Rodopski minjor", Madan, Bulgario.

Arunas Pakula, str. Respublikos 74 a, apart. 3, Panevezys, Litova SSR, USSR.

A. V. Zednik, Modrany 1482, Praha, Ĉehoslovakio.

Ĵohn J. Brady, 12 Glen Nevis Place, Cathkin, Rutherglen, Glasgow, Gt. Britain (Anglio).

### Adresŝanĝoj kaj korektoj de adresoj

Jerzy Uspienski, Belgijska 5, m. 12, Warszawa, Pollando.

Bertil Frederiksson, Tensta hadväg 36, Spanga, Svedio.

Branko Radoviĉ, Ruzveltova 18/II, Beograd, Jugoslavio.

N. F. Danovskij, Paseĉkaja 4 a, kv. 11, Moskva A-8, USSR.

Alois Hilkersberger, Lötzweg 15, Landeck, Tirol, Aŭstrio.

Vilho Setälä, Yrislahti, Matinkylä, Esperantotie 4, Finnlando.

Todor Oŝanski, ul. Suĥodolska 2, vhod 55-A, Sofia, Bulgario.

Poul Thorsen, Dyblandsvan G 7, Kopenhago, Danlando.

A. E. Mortensen, Ordrupvej 134 F 1, Charlotenlund, Danlando.

*Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*